**BRAZILA ESPERANTISTO** *OFICIALA ORGANO DE BRAZILA ESPERANTO-LIGO*

# BE




Nacia kaj Internacia Kulturoj
brazilaesperantisto@esperanto.org.br

96-a jaro
N-ro 328
Jul/Sep 2004
R$ 7,00

Jarabontarifo / Kategorio 1: Latinam., Afriko, Ĉinio, Bharato, Orienta Eŭropo - US$ 10,00 / Kategorio 2: Usono, Kanado, Japanio, Tajvano, Koreio, Aŭstralio, Okcidenta Eŭropo. - US$ 15,00

# 39a BKE

## Psikologio

**Ísis eniras la kapon de la esperantisto**

## Jen nova BEJO!

**Aktivaj nun, kreivaj ĉiam**

## Intervjuo

**Parolu, Kavaliro!**






## Amuziĝo kaj Diskutado... Ĉu sufiĉe?




**La Zamenhof-Strato**, Roman Dobrzynski. Verkita laŭ interparoloj kun D-ro L. C. Zaleski-Zamenhof. 2003, 288 p. R$97,00 + sendokosto.

En tiu ĉi libro, S-ro Zaleski rememoras la malfacilaĵojn travivitajn de la familio Zamenhof dum la naziperiodo.

Rakontante pri siaj vojaĝoj plurlandaj ĉu por profesiaj kialoj, ĉar li estas famkonata inĝeniero pri portokonstruo, ĉu por akcepto de invito de esperantistoj, ni multe lernas kaj pri Esperanto movado kaj pri la familio Zamenhof.




**Kaj Kiu Pravas**, Eugene de Zilah, numero 42 el la serio "Originala Literaturo" de eldonejo Pro Esperanto. 2002, 360 p. R$85,00 + sendokosto

"Mia celo ne estis rakonti mian entute banalan vivon. Preskaŭ ĉiuj amoris, tro multaj batalis, multaj senhejmiĝis. Mi ne estas elstara escepto, nek heroo de nekredeblaj aventuroj. Mi nur ekzamenis miajn plej fundamentajn ideojn, miajn konvinkiĝojn, kaj ili resendis min al aliaj ideoj, aliaj konvinkiĝoj". (El letero al amiko)

Pro tio ke Eugene sin esprimas per verdiremaj vortoj, li kaptas niajn atentojn tra la tuta legaĵo.

**Aĉetebla ĉe BEL-Libroservo**

- **Rete: libroservo@esperanto.org.br**
- **Telefone: (61) 226 1298**
- **Fakse: (61) 226 4446**
- **Poŝte: PK 03625 - CEP 70084-970 - Brasília DF**

# Brazila Esperantisto

Nacia kaj Internacia Kulturoj
96-a Jaro • N-ro 328 • Jul / Sep 2004


# Enhavo



## Kovrilo

Se vi perdis la ŝancon, legu ĉi tie kiel marŝis la kongreso kaj ĝuu la fotaĵojn...




Pri la nuna eldono

## La revuo estas via

Vi sendube notis, ke ĉi tiu numero malfruiĝis iomete 😋. Certe tio ne estis pro manko de laboremo de la skipo, sed jen finfine la rezulto! Ni volas fari la revuon kun vi kaj por vi. Bonvolu sendi komentojn kaj sugestojn por la venontaj eldonoj. Estas tempo por novaj ideoj. Ni atendas kaj bonvenas ĉies leterojn.


**Jarabontarifoj - Kategorioj**
❶ Latinameriko, Afriko, Ĉinio, Barato, Orienta Eŭropo.-US$ 10,00 ❷ Usono, Kanado, Japanio, Tajvano, Koreio, Aŭstralio, Okcidenta Eŭropo.-US$ 15,00

**Abonmendoj**
- Pagebla pere de depono en nian UEA-konton " beli-r" aŭ pere de kreditkarto VISA.
- Pere de VISA; informu la karto-numeron, la validdaton kaj la tri lastajn ciferojn de la dorsflanko de la karto.
- Depono en unu el la kontoj:
  ❶ MeesPierson, Postbus 749,3000 AS Rotterdam, Konto 25.52.89.804;
  ❷ ABN-Amro Bank, Postbus 949,3000 DD Rotterdam, Konto 42.60.51.599. Pro banka depreno aldonu 6,81 €. Poste, informu UEA-n pri la depono kaj petu al UEA la koncernan ĝiron al nian konton "beli-r".
- Adreso de la redakcio: C. P. 03625 poŝtakodo BR-70084-970 Brasilia - Brazilo
- Retadreso: brazilaesperantisto@esperanto.org.br

Bv. informi al BEL: Vian nomon, sekson, korespondadreson, retadreson.

**Revukunlaboraĵoj:** La ĉefredaktoro juĝas gravaj la kunlaboraĵojn senditajn de la legantoj. Tamen, pro hommanko, spaclimigoj en la revuo, kaj kromaj limigoj, li rezervas al si la rajton: 1-e) Ne sciigi la ricevon; 2-e) Ne redoni la sendaĵojn; 3-e) Ne garantii publikigon; 4-e) Mallongigi tekston tiam, kiam necese; 5-e) Ĝin reviziigi laŭ ortografia, gramatika kaj terminologia aspektoj.

**Anonctarifo:** Tabelo pri prezoj (Brazila Esperantisto) Onoj de paĝo (anoncoj)

**tutpaĝa** (19x25cm)
4-a kovrilo / R$ 1.600,00 € 475,00
2-a 3-a kovrilo / R$ 1.400,00 € 415,00
internaj paĝoj / R$ 1.000,00 € 296,70

**1/2 paĝa vertikala** (9.5x25cm)
R$ 550,00 € 163,00

**1/2 paĝa horizontala** (19x12.5cm)
R$ 550,00 € 163,00

**1/4 kvaronpaĝa** (9.5x12.5cm)
R$ 300,00 € 89,00

**1/3 trionpaĝa** (6.3x25cm)
R$ 350,00 € 103,80

**1/6 sesonpaĝa** (6.5x12.5cm)
R$ 180,00 € 53,80

**1/12 dek-duonpaĝa** (6.3x6.3cm)
R$ 95,00 € 28,00

**piedpaĝa** (19x5cm)
R$ 220,00 € 65,00

# Karaj gelegantoj

Ĉu vi scias kio estas iksodo? Ĝi estas besteto tre kurioza, kiu povas resti malaktiva, latenta, vintre-dormanta inter 6 monatoj ĝis 2 jaroj!!! Sed apenaŭ proksimiĝas oportuno, tio estas, bovo aŭ ĉevalo preterpasas, ĝi revenas al aktiveco kaj gluas sin al ties dorso por ne plu tiun lasi, kvazaŭ neniu interrompo okazis...

Jen iomete simila estas la historio de via nova redaktoro kaj esperanto. Post mia esperantistiĝo en 1986, dum la Brazila Kongreso de Belorizonto, mi restis aktiva en la movado dum mallongaj kvin jaroj, kaj tuj mi kabeis! Aŭ preskaŭ. Ĉar post longdaŭra malaktiveco, mi estis denove vekita (kvazaŭ iksodo), vidinte, tute hazarde, buntan kaj allogan revuon "Brazila Esperantisto" en advokata oficejo.

Surkovrile, bone konata grupo: Muzikistaro Merlin! Kaj en la enhavo, ia kontaĝa pasio de la tiutempa redaktoro kaj sia skipo rilate al esperanto, kiu min instigis serĉi ilin kaj proponi min por partopreni tiun laboron. Ekde tiam mi ne ĉesis kunlabori kun la Ligo, ĉu kiel konsilanto pri ĵurnalismo, ĉu proponante opiniojn pri preskaŭ ĉiuj iniciatoj de la skipo.

Tio rezultigis, ke mi rekomencis studi la lingvon kun fervoro, avide legante librojn kaj revuojn – sufiĉe por gajni la konfidon de la nova estraro de BEL kaj esti nomumita ĉefredaktoro. Nun mankas nur konkeri ankaŭ la konfidon de ĉiuj vi, gelegantoj...

Kaj vi vidos, ke la slogano estos: "ŝanĝoj, ĉiam kiam ili plibonigas", tiel kiel estas la trajto de nia nova prezidanto. Pro tio, atendu novaĵojn, jam ekde la komenco de la venonta jaro, en la strukturo de la revuo. Sed dumtempe vi jam vidos kelkajn etajn "tuŝaĵojn" fare de la skipo, kun la celo ĉiam plaĉi vin plu. Bonvolu komenti niajn agadojn kaj kontribui kun ni pere de *brazilaesperantisto@esperanto.org.br*. Eble ni ĉiuj trafos reveki kelkajn aliajn esperantajn "iksodojn"... Kion vi diras?

Emerson Werneck






**Brazila Esperantisto**
ISSN 0006-9477
**brazilaesperantisto@esperanto.org.br**
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo • Fondita en 1907 de Alberto A. Vieira, Reynaldo Geyer kaj Everardo Backheuser
96-a Jaro • Julio / Septembro 2004 • N-ro 328
Aperas trimonate

**Eldona Stabo**
**Pri la subskribitaj artikoloj respondecas la aŭtoroj mem**
**Respondeca Ĵurnalisto kaj Ĉefredaktoro** Emerson Werneck MG 06254 JP
**Konstantaj kunlaborantoj** Adonis Saliba, Aloísio Sartorato, Aymoré Vaz Pinto, Gacy Simas, Ísis Climany Okabe Piton, José Carlos Dorini Ramos, José Saraiva Matos, Luciano Barbosa da Silva
**Ĉi-numeraj kunlaborantoj** Edvaldo José Antunes Júnior, Jason Gonçalves Lima, Joaquim João Mariano, Nijl Blonstein, Ozias Deodato Alves Jr., Renato Corsetti, Ricardo Viana, Sandra Alencar
**Grafika aranĝo kaj enpaĝigo** Elison Simas **Grafika asistado** Luciana Maria **Revizio kaj tradukado** BEL-asesorskipo
Redakcio ĉe BEL-sidejo - Telefono: 55 (61) 226 9433

Abonebla ĉe UEA kaj ELNA




**Sidejo** Ed. Venâncio III - Sala 301/303, Setor de Diversões Sul **Poŝtadreso** Caixa Postal 03625, CEP 70084-970 Brasília - DF
**Telefono** (0xx61) 226 1298 **Fakso** (0xx61) 226 4446 **Retadreso** bel@esperanto.org.br **Hejmpaĝo** www.esperanto.org.br

**Estraro**
**Prezidanto** Pedro Jacintho Cavalheiro **Vic-prezidanto** Paulo Pereira Nascentes
**1-a Sekretario** Luiz Carlos Rusilo **2-a Sekretario** Maria Cecília Milani **3-a Sekretario** Marcelo Stoduto
**1-a Kasisto** Adonis Marcelo Saliba Silva **2-a Kasisto** Clarimundo José Barbosa Neto
**Departementoj**
**Eksteraj Rilatoj** James Rezende Piton **Eldonado** Elison de Novais Simas
**Informadiko** Paulo de Tarso Cardoso **Komerco** Aymoré Vaz Pinto
**Kontrola Konsilantaro**
Dirceu Enei, Joe Bazilio, Paulo Sérgio Viana, Ivaldo Alves de Souza, Jason Gonçalves de Lima, Tânia Regina Gertrudes
**Federacia Konsilantaro**
**Prezidanto** Carlos de Faria **Vic-prezidanto** Rogério Carneiro
**Komitatano A kaj Ĉefdelegito de UEA**
James Rezende Piton

# Pedro Jacintho Cavalheiro

*En la pasinta Kongreso, oni multe aŭdis pri la tiama kandidato al Prezidanteco de BEL, Pedro Cavalheiro. Sed kelkaj homoj ankoraŭ ne havis la ŝancon paroli kun li aŭ/kaj aŭdi pri liaj ideoj kaj projektoj. Jen la okazo, pere de la sekvanta intervjuo, koni iomete pli pri ĉi tiu kreema, laborema kaj pacema viro - vera kavaliro (Pro la fakto, ke la intervjuo estas longa, ni dividos ĝin en du partoj kaj ne aperigos en ĉi tiuj du numeroj la rubrikon La Voĉo de la Prezidanto).*

**Brazila Esperantisto (BE)** Kiel vi difinas vin mem? Kiu estas Pedro Cavalheiro?

**Pedro Jacintho Cavalheiro (PJC)** Estas malfacile memdifini ĉar ni ĉiam vidas nin de la sama angulo: la nia. Mi povas diri al vi difinon plurfoje aŭditan pri mi en diversaj momentoj de mia vivo kaj en diversaj fakaj agadoj, ne nur en la poresperanta agado: oni foje diras "vi estas modifanto". Estas strange ĉar mi neniam antaŭintencis modifi profunde medion kie mi estas sed la aferoj fakte modifiĝas ĉirkaŭ mi. Tio profunde pensigas min. Mi ĉiam petas de Dio saĝecon ĉar modifemo (eĉ senintenca) sen saĝeco estus vera danĝero.

Kiu estas mi? Mi daŭre demandas tion al mi. Mi ĉiam, ekde la plej freŝa juneco, demandis al mi por kiu mi servus krom labori por travivi la vivon. Kion gravan mi devus fari? Per kia kontribuo mi devus strebi por lasi tie ĉi antaŭ mia lasta vojaĝo. Hodiaŭ mi ne plu dubas: mi estas ulo, kiu utilas por servi al Esperanto.

**BE** Kiam kaj kial vi decidis kandidatiĝi al la prezidanteco de BEL?

**PJC** Dum nia Brazila Kongreso en Belo Horizonte, en 2003, D-ro Lício, nia antaŭa BEL-prezidanto, avertis ĉiujn ke oni ankoraŭ ne havis interesatojn por kandidatiĝi kiel BEL-estraranoj. Por neniu posteno. En tiu tempo mi aŭdis kaj pensis "ho, ve!" sed ne tuŝis miajn pensojn kandidatiĝi. Mi serĉis en mia poŝtkesto kaj ne trovis la ĝustan daton de mia decido sed, sendube tio okazis inter la tagoj 12 kaj 15 de junio, ĉijare, pro mesaĝoj ricevitaj de mi.

Kial mi decidis? Unue, ĉar de unu jaro kaj duono antaŭ ol mia kandidatiĝo, pro privataj kialoj, mi decidis min dediĉi al Esperanto kiel mia ĉefa laboro. Kiam miaj amikoj invitis min al tiu kandidatiĝo, mi pensis: io vokas min. Kiam mi konstatis ke en tiu tempo neniu kandidato ankoraŭ estis aperinta, mi pensis: tio estas mia devo.

En la vero, dum la balotkampanjo Flávio asertis ke li jam estis decidinta kandidatiĝi en tiu tempo sed, mi fakte ne sciis pri tio nek BEL-estraro.

**BE** La lasta proceso de la balotado estis historia, ĉar post longa tempo ni havis du skipojn konkurantajn por la estraro. Sed samtempe la proceso estis ankaŭ kondamnita de multaj, ĉar nur elito povis voĉdoni. Kion vi povas diri pri tio?

**PJC** Bone, fakte BEL neniam havis du skipojn konkurantajn ĝis la fino. Unu fojon ni havis du skipojn sed unu rezignis antaŭ la balototago. Do, ĉi tiu estis fakte la unua fojo. Tiu fakto montras al mi ke nia movado maturiĝas. Dum tiuj 97 jaroj en BEL ofte okazis ke oni aranĝis grupon por "senŝeligi la ananason"[1], kiel ni diras en Brazilo, kies nura morala devigo estis simple daŭrigi BEL funkcianta. Multaj el niaj antaŭuloj pli ol tio faris. Kelkaj multege laboris. Ĉar ili estis laboremaj kaj veraj esperantistoj. Sed eĉ se ili povus nenion fari, neniu povus ilin kritiki. Nun la



[1] "senŝeligi la ananason" estas brazila esprimo signifanta elteni aŭ solvi malkomfortan situacion pro manko da elektoj.

afero estas alia. La nuna estraro havas la moralan devon strebi por realigi siajn proponojn ĉar ĝi estis elektita kun pli ol 80% de la voĉdonoj inter du kandidataroj.

Tia rajtigo de la nuna estraro fare de la voĉdonoj kaj la priespondeco elveninta de tiu rajtigo estas fakte historia.

Pri la kritikoj al la balotproceso, por klarigi, la kritikantoj diras ke nur la elito povis voĉdoni ĉar la nuna statuto de BEL diras ke nur voĉdonas BEL-membroj kiuj estas fizike en la kongresoj. Nia lando estas tre granda. Ĝi estas kvazaŭ kontinento kaj nia popolo estas, ĝenerale, malriĉa. Do, mi konsentas. Mi proponos en nia venonta kongreso en la urbo Porto Alegre, al nia Asembleo, ŝanĝi tiun punkton. Ĉiuj BEL-membroj devas havi samajn rajtojn kaj voĉdoni estas la ĉefa demokratia rajto.

Tio estas farebla perpoŝte kiel faras UEA ekzemple (pri siaj Komitatanoj B).

Mi favoras fari ŝanĝojn sed ne terorisme, t.e. pere de lasthoraj proponoj aŭ novaĵoj. Ni enordigos BEL-n sed, pere de nia Asembleo, kiu antaŭe devos aprobi la necesajn ŝanĝojn por ke la venonta balotado estu ankoraŭ pli demokratia (preferinde tute) kun antaŭdifinitaj reguloj.

Mi respektis la nunajn regulojn ĉar laŭ mia opinio, respekto al reguloj estas bazo por demokratio kaj paco, sed tio ne signifas ke mi aprobas kaj ne volas ŝanĝi tiujn regulojn. Reguloj ekzistas ankaŭ por esti ŝanĝitaj, sed laŭstatute kaj mature.

**BE** Ankaŭ la venkita skipo havis bonajn talentojn. Ĉu vi pensas kalkuli je ili en la laborado de BEL?

**PJC** Jes, sendube. Pro la propra novaĵo menciita en la antaŭa demando, ni lernas ankaŭ kiel pritrakti tian situacion. En la vero neniu estis venkita. Nur tio, ke unu estis elektita. Ĉiuj venkis. Ni faris belegan momenton por nia historio. Flávio estis elektita kiel Akademiano, mi invitis kelkajn personojn de lia skipo por fariĝi BEL-delegitoj, kiuj reprezentas BEL-n en siaj urboj kaj lokoj, kun aliaj mi reprenas kontakton ĉar ili estas meritoplenaj personoj, kiuj daŭre laboras por Esperanto. Do neniu perdis: demokratio venkis kaj Esperanto gajnis.

**BE** Vi estas fama precipe pro via laboro kun geknaboj por esperanto. Kiu aĝo estus ideala por eklerni esperanton?

**PJC** Ene de la patrino ventro aŭ je la deknaŭa jaraĝo. Povas esti inter tiuj du vivmomentoj. Se oni estas pli aĝa ol deknaŭa, oni speciale povas lerni Esperanton.

Sed, teknike, mi asertas ke antaŭ la 6-a aŭ 7-a estus la plej bona vivfazo.

**BE** Kelkaj personoj iomete timas ŝanĝojn. Ĉu vi ŝanĝos ĉion en la strukturo de BEL kaj siaj projektoj?

**PJC** Kiel mi respondis en la tria demando, mi favoras fari ŝanĝojn sed ne terorisme. Ni devas agordi nian statuton pro la nova Civila Kodo kaj pro moderniĝo de la vivo kaj homaj interrilatoj. Ni ne povas halti ĉar la tempo ne haltas. Hodiaŭ, kiu haltas en la tempo, tiu perdas lokon en la estonto. BEL estas porĉiama institucio sed neniu statuto, de neniu institucio de la mondo, rezistas al tempoŝanĝoj. Ni aktualiĝu por fariĝi aktualaj. Sed, vi demandis al mi ĉu "mi" ĉion ŝanĝos en la strukturo de BEL. Mi ne havas tiun povon. ĉiuj ŝanĝoj devas esti aprobitaj de nia Asembleo. Tiel mi repondus al vi: ni kune, la Asembleo, nia esperantistaro aŭskultata de nia delegitaro, ŝanĝos kion ni ĉiuj juĝos taŭga por nia movado. Mi nur reprezentas politike nian movadon.

**BE** Ĉu vi povas klarigi, kiel funkcios la reto de delegitoj de BEL?

**PJC** Delegita reto de BEL aperas ĉimomente kiel komisio.

Oni jam demandis ĉu BEL-delegitaro konkurencus al UEA-delegitaro. Neniel. Ĝi estas tute alia afero. Unue, ĝi estas nacia delegitaro, malsame ol la UEA-delegitaro, due la profilo kaj la celo estas aliaj. Dum tio ke UEA-delegitaro estas servo-delegitaro, BEL-delegitaro estas reprezento-delegitaro. Ni eĉ pensas ŝanĝi tiun nomon, ekzemple al BEL-reprezentantoj aŭ io ajn por ke oni ne miksu tiujn du aferojn.

Sed, kiel tio funkcias? Simple: tra la tuta lando ni havos delegitojn, kiuj devas almenaŭ legi kaj skribi en Esperanto kaj ankaŭ scipovi uzi interretan mesaĝilon. Ni jam havas 42. Por komenci, ni invitas geesperantistojn kaj ankaŭ akceptas indikojn. Ni bezonas homojn en ĉiuj ŝtatoj de nia lando, por komenci nian reton. Ankoraŭ mankas reprezentantoj en kelkaj ŝtatoj sed ni

trovos interesitajn esperantistojn tie. Ni prezentos proponon al nia Ĝenerala Asembleo, en Porto Alegre, por oficialigi nian delegitaron (kun iu ajn nomo) kaj post tio, delegitoj estos elektitaj de la esperantistaro en la urboj. Nia plano estas havi delegitojn en ĉiuj urboj kaj lokoj de Brazilo. Malfacila tasko ĉar ni havas pli ol 5.000 urboj en brazilo. Sed, se ni havas delegitojn en ĉiuj ŝtatoj, ĉefurboj kaj urboj turismaj, grandaj kaj elstaraj, ni jam aranĝas solidan bazon por BEL.

Niaj delegitoj aŭskultos nian movadon en ĉiuj lokoj de nia tiom kulturplurala lando por doni al BEL elementojn por trovi la plej trafajn kaj konvenajn decidojn por ĉiuj esperantistoj en la tuta Brazilo. Ni ne estas "dioj" por esti ĉie sed ni estas ĉie se ni laboras kune. Delegitoj ankaŭ reprezentos BEL en sia loko. Delegito estos kvazaŭ BEL-branĉo en sia loko. Nur tiel BEL fariĝos vere tutlanda.

BEL kreis por sia delegitaro tri interretajn listojn: *BEL-forumo*, *BEL-balotejo* kaj *BEL-informejo*.

En *BEL-forumo* delegitoj diskutos temojn proponitajn de BEL kiam la estraro bezonas elementojn por saĝe decidi ion.

En *BEL-balotejo*, post antaŭdifinita tempodaŭro da diskutado en BEL-forumo, delegitoj opinias nete. Ekzemple: jes aŭ ne, favore aŭ kontraŭ. Tio faciligos al la BEL-estraro klare vidi kaj kontroli la opiniojn de la BEL-delegitaro.

En *BEL-informejo*, delegitoj ricevos de BEL-estraro informojn pri niaj paŝoj. Kiel mi diris, BEL-delegitoj estas BEL mem en siaj lokoj, do ili bezonas ekscii kiel marŝas la laboroj de la BEL-estraro. Nia revuo estas trimonata, do ne efikas rapide informi pere de ĝi. Krom tio, ni ne povas ĉion anonci en nia retpaĝaro, ekzemple, ĉar kelkaj aferoj postulas tempon por pretiĝi kaj oni, ĝenerale, ne komprenas tion ĉar oni vidas de ekstere. Pro manko da kontakto oni povas pensi "ho, tiu estraro faras nenion" malgraŭ nia konstanta laborado. Do, eĉ la plej freŝajn paĝojn ni komunikos al nia delegitaro por ke ili sciu kion ni faras. Tiel, ili havos informojn por reprezenti BEL, ĉar ili scias tion, kio okazas kaj ankaŭ partoprenas kaj opinias. Tiel delegitoj estas fakte BEL en siaj lokoj kaj BEL, sendepende de kie estas la Centra Oficejo kaj la estraranoj, estas fakte brazila.

**Nia laboro estas fortigi BEL kaj protekti ĝin ankaŭ monrilate, kaj ni laboras por atingi tiun celon.**

**BE** Unuafoje plejparto de la estraro ne loĝas en la sama urbo de la Centra Oficejo. Ĉu tio ne estas malavantaĝo?

**PJC** Ne. Laŭ mia vidpunkto tio estas avantaĝo. Oni rompis tiun eblecon diri "ho, BEL estas brazilja institucio" kiel antaŭe oni diris "BEL estas rio-de-ĵanejra institucio". Hodiaŭ parto de la estraro estas en San Paŭlo, parto en Braziljo, parto en Porto Alegre. Nia C.O. estas en Braziljo. Ni ĉiuj interparolas pere de interreto, per programoj kiel "Skype" kaj "Paltalk" por aŭdkonferencoj aŭ videokonferencoj, respektive, krom niaj retlistoj, per kiuj ni ĉiutage interŝanĝas informojn. Ni plene kontaktiĝas.

Alia aspekto elstariginda estas ke ni havas bonegan skipon en nia C.O. Mi estas fakte kontenta pri ĉiuj niaj laborantoj. Ni havas nenian problemon pri io ajn kaj male, ni havas verajn esperantistojn kaj fakulojn pri iliaj okupoj en niaj vicoj. Krom tio, ni kreis la postenon de Direktoro de BEL-C.O., hodiaŭ plenumita de la kompetenta kaj sperta José Carlos Dorini.

Tiel, mi povas aserti ke BEL laŭ homaj fortoj estas bonega institucio.

**BE** Kiom forta estas nuntempe la kaso de BEL? Ĉu ĝi sufiĉas por la novaj projektoj?

**PJC** Nia kaso nun estas malforta. Sed nia rolo ne estas simple uzi aŭ ŝpari la ekzistantajn monrimedojn. Nia laboro estas fortigi BEL kaj protekti ĝin ankaŭ tiurilate kaj ni laboras por atingi tiun celon. Kion signifas tio? Tio signifas trovi manierojn enkasigi monon kaj samtempe protekti la ekzistantajn havaĵojn de BEL.

**BE** Ĉu finfine la junuloj en Brazilo laboros kune kun la plenkreskuloj por esperanto?

**PC** Jes, ja. Tio estas unu el la honoraj punktoj de nia laboro.

Imagu terkulturiston, kiu nur rikoltus. Kiu neniam semus. Tiel estus nia movado sen flegi niajn

junulojn. Niaj junuloj estas garantio de daŭrigo por Esperanto post ni.

Bone, por respondi pli rekte, jes. Kiel ni proponis dum la balotkampanjo, BEJO estos de nun parto de BEL, la juna branĉo de BEL mem. Ni bonege interrilatiĝas. BEJO-retpaĝaro nun estas ene de la retpaĝaro de BEL. Tiel la retadreso de BEJO ŝanĝiĝis al *www.esperanto.org.br/bejo*. Krom tio, BEJO rajtas indiki junulojn por esti BEL-delegitoj apud la aliaj. Anstataŭ aparta institucio, nun BEJO fariĝas departemento de BEL, kiu sia-vice garantias sendependecon de niaj junuloj por decidi pri junaj aferoj. Ekzemple, BEJO daŭre faras sian revuon, *Momenton!*, sed nun BEL presos por ili. Aŭ pli klare, BEL presos por si mem ĉar se BEJO estas la junulara branĉo de BEL, *Momenton!* do estas la porjunulara revuo de BEL farita de niaj junuloj, unuvorte BEJO.

Alia tre interesa demonstracio de nia volo labori kune kun la junuloj estas la fakto ke kadre de nia estraro ni havas du junulojn, kiuj povus esti en BEJO sed ni invitis ilin partopreni nian grupon ĉar ni bezonas aŭdi la posedantojn de la estonteco: la junulojn. Tiuj junuloj estas Clarimundo Tota kaj Marcelo Stoduto. Kaj mi ne pentas pro tiuj invitoj. Ili fakte riĉigas kaj renovigas nian grupon. Notu iliajn nomojn: ili estas estontaj prezidantoj de BEL kaj/aŭ elstaraj movado-gvidantoj. Bone, ili jam komencis elstariĝi. La samon mi diras pri Ísis Piton, la du Roger, Rodrigo de Méo, kaj Rogener Pavinski, nunaj estraranoj de BEJO, kaj aliaj kompetentaj junuloj konataj de mi.

**BE** Kio estas la plej grava obstaklo al la nova estraro?

**PJC** Mi ne vidas obstaklojn, nur defiojn. Mono ĉiam estas defio, sed mi kredas, ke pluraj personoj post konstato de nia seriozeco kaj firma decido plibonigi nian brazilan movadon, finance kunlaboros. Estas vere, ke ni ne atendas donacojn kaj forte laboras por venki tiun defion. Sed, ni komencas fari tiom grandan modifon en nia movado, ke tutcerte oni volos kunlabori kaj partopreni tiun historian momenton de BEL.

En la vero, la nura obstaklo estas fidomanko pro la pasinteco. Mi ne kritikas miajn antaŭulojn sed nur rimarkas, ke ĝenerale iuj parolas pri BEL kvazaŭ BEL estus "estulo" kun propra volo kaj ne la rezulto, precipe, de tiuj homoj kiuj tie laboras kaj ĝin estras. En la lasta balotado, ni ŝanĝis la estraron kaj samtempe ni ekŝanĝis la historion de BEL sed, oni ankoraŭ diras al ni: "kial vi faris tion?", parolante pri decidoj antaŭaj al nia elektiĝo. Ĉiuj devas percepti, ke novaj homoj venis kun grandega bonvolemo por kunlabori kaj konstrui novan BEL-n. Mi diris "precipe" ĉar BEL ankaŭ estas rezulto de ties membraro. Do, mi petas ke ĉiuj esperantistoj venu, membriĝu kaj partoprenu tiun grandan renoviĝon, tiun grandan konstruon de forta nacia Esperanto-movado en Brazilo.

**BE** Kio mankas hodiaŭ en la movado?

**PJC** Malfermiĝi. Brakumi la socion por ke la socio brakumu Esperanton. Ni devas montri Esperanton al ĉiuj kaj la nura maniero tion fari estas partopreni nian socion kiel helpantoj en la sociaj problemoj. Antaŭ ol esti monda civitano, oni devas esti urba civitano, kvartala civitano. Tie, mizerulo malsatas, tie infanoj laboras, tie estas analfabetaj adoltoj ktp. Kaj kion konkrete ni esperantistoj faras por kunlabori en la solvo de sociaj problemoj? Kiel ni prezentas nin al la socio? Ĉu kiel civitanoj aŭ kiel eksterteranoj, kiuj emas trinki kafon aŭ teon kaj manĝi krakenojn en niaj Esperanto-kluboj, kvazaŭ la ekstera vivo ne ekzistus? Nia movado devas sin montri al la socio kiel amiko de la socio mem. Se ni tiel faros, tiuj, kiuj ne konas Esperanton repondos kiam oni demandos pri kio Esperanto estas: "mi ne bone scias sed tio estas bonega afero. Esperantistoj estas bonaj kaj helpemaj civitanoj". Tiam nia socio estos preta por brakumi Esperanton.

Krom tio, mankas unuiĝo kaj interapogo. Kelkfoje mi legas, precipe en interreto, pri "akso Rio-San Paŭlo" kaj aliaj similaj mencioj pri regionoj de Brazilo. Oni foje diras ke unu estas pli bona ol la alia pro iu aspekto. Mi kredas ke "kvartalismo" estas socia kancero kaj ideologia naciismo estas ĝia metastazo. Se ni filozofie kontraŭas naciismon ni devas batali kontraŭ "kvartalismo". Mi kredas ke ni esperantistoj estas ankoraŭ tro malmultaj por kontraŭbatali unu la alian pro kvartala fiereco. Tio laŭ mi estas vera stultaĵo.

*Legu la lastan parton en BE 329.*






# Neforgesebla, historia, sed ĉu profitodona?

La Kongreso en Maceió estis definitive malsama... Kompreneble por multaj ĝi estis la unua kongreso. Kaj estos malfacile forgesi la kunfratiĝeman etoson, la novajn amikojn kaj la nekredeblajn promenadojn tra la mirindaj cirkaŭaĵoj de la urbo... Sed ne nur por la nove bakitaj kongresanoj estis etoso de novaĵoj. Ĝustadire, je la unua fojo post jaroj da de movada historio, okazis balotado por estraro de BEL kun du kandidataroj.

Samevidente, ne estis la unua fojo en kiu la Ligo estis pridisputita de pli ol unu grupo. Tamen, tiutipa balotado, kun du skipoj en kampanjo laŭ vigla kaj mult-media maniero, montrintajn kaj diskutintajn siajn longajn kaj bone pensitajn varbprogramojn, jes ja, tio estis la unua fojo!

Verdire la Kongreso riskis rezulti tute erara, tio estas, la balotado povus duarangigi la oficialan programon kaj la diskutadoj povus esti tute forgesitaj. Tio por ne mencii la eblecon de varmaj kaj incitaj diskutadoj inter la kandidatoj . Sed tio ne estas, feliĉe, kio okazis. La programo, bone verkita de la





LKK, havis signifan ĉeeston de partoprenantoj, kaj eĉ la multe diskutitaj ekzamenoj de ILEI-BR okazis sen grandaj obstakloj aŭ ĝenoj.

Sed kelkaj dubis pri la efikeco de la diskutado pri la ĉeftemo – Esperanto en lernejo (vidu la sekvantan opinion post ĉi tiu parto). Ĉu vere la multaj diskutrondoj okazintaj, kvankam partoprenitaj de diversaj kongresanoj, estis sufiĉaj por pritrakti la aferon? Aŭ ĉu oni almenaŭ ĝin pli bone limigis, por konduki ĝin al pli ampleksa debato, kunplektante la geesperantistojn kiuj ne povis partopreni la Kongreson, kaj ankaŭ la ĝeneralan socion?





Fotoj J. J. Mariano



Eĉ se oni konkludos, ke la debatoj povus esti pli profundaj, ni ne povas nei, ke la Kongreso atingis sian celon, kunamikigi kaj reamikigi geesperantistojn el la tuta Brazilo (kaj inkluzive de eksterlandanoj), havigante al ĉiuj la oportunon praktiki la lingvon internacian en taŭga etoso, kaj kun spontanea motivigo.

Ne mankis kursoj por la komencantoj, gviditaj de Gonzales Garcia, Neusa Priscotin (Mima) kaj Jair Salles, kiuj aldonis pliajn kontentajn loĝantojn al

## ALIA VIDPUNKTO

Jason Gonçalves de Lima

*"Esperanto en lernejoj" - Tiu estis la temo proponita por la 39ª BKE. Kvankam grava temo, kiu enhavas la revon de la esperantistaro, fakto estas ke ĝi ne vekis entuziasmon de la kongresanoj. Je la unua diskuttago, venis al la salono malgranda nombro da kongresanoj, kiuj silente kaj apatie aŭskultis la podianojn longe kaj tede paroladi pri instrumetodoj, sen iel tuŝi la kongresan temon.*

*La plejparto de la esperantistaro revas pri la momento, kiam la registaro metos Esperanton inter la devigajn studobjektojn de niaj lernejoj; tamen la supre raportita evento elmontras ke nur tre malmultaj serioze studas la manieron tion konkretigi.*

*Tamen, mi kredas ke ni devas ĉiujn senkulpigi. Tiuj kiuj jam provis fari tion, scias ke la lernejestroj kaj universitatestroj kutime respondas al niaj demandoj, ke ili povas fari nenion, ĉar ne estas serĉo far la studantaro; aliflanke ne estas sufiĉaj esperanto-instruistoj. Tiujn neneindajn faktojn ni ŝuldas al manko de sufiĉe kompetenta, taŭga, vasta, konstanta disvastigado, ne nur en Brazilo, sed ankaŭ en la tuta mondo.*

*Iam mi demandis al BEL-estrarano: kial BEL ne faras pli grandan disvastigadon de la lingvo, pere de la modernaj komunikadrimedoj? "Ha!, li respondis, ni ne povas fari tion, ĉar alvenante granda nombro da lernontoj, ne estos sufiĉa nombro da instruistoj." Aliflanke, neniu volas fariĝi esperanto-instruisto ĝuste pro tio ke ne estas sufiĉe granda nombro da lernantoj. Jen la diabla cirklo!*

*Diversaj brazilaj urboj aprobis leĝojn permesantajn enmeti Esperanton en tieajn lernejojn. Tamen, tiuj leĝoj dormas eterne en sublima lulilo, ĝuste pro tio ke neniu postulas de la lernejestroj la instruadon de la lingvo.*

*Bedaŭrinde krianta ekzemplo okazis en Brasília mem, kie la distrikta registaro aprobis taŭgan leĝon, tuj plenumitan, kaj enkondukis esperanto-instruadon en siajn lernejojn. Post unu/du jaroj, elektiĝis nova guberniestro, kiu tuj nuligis la e-instruadon de la oficialaj lernejoj, sen reago de la lokaj enloĝantoj, sufiĉa por lin devigi permesi la revenon de la esperanta instruado. Kial la lernantoj kaj iliaj gepatroj reagis indiferente antaŭ tiu arbitraĵo de la registo? Pro*





Esperantujo. Fakaj kunsidoj okazis por multaj grupoj, inter ili federacia konsilantaro, UEA-delegitoj, Amerika Komisiono, spiritistoj, oomotanoj ktp.








Fotoj J. J. Mariano

Denove la esperantistoj povis spekti kaj/aŭ ĝui belegajn artajn eventojn kaj ekspoziciojn, sed precipe de la kutimaj artistoj (ĉu oni faru belartan konkurson estonte, por malkovri novajn talentojn?)

La du skipoj de kandidatoj montris siajn talentojn kaj ideojn pere de prelegoj de siaj membroj. Oni konstatis, ke, kvankam la programo kaj la idearo de la skipo "Survoje al BEL", de Pedro Cavalheiro, estis kosiderataj la plej bonaj de la plejparto de la voĉdonintoj, la skipo "Unu Ligo por Ĉiuj", de Flávio Rebelo, ankaŭ aldonis kelkajn interesajn vidpunktojn, kiuj estos certe konsiderataj de la nova prezidanto kaj estraro.

Sed la vere memorinda aspekto de la kongreso estos la bona etoso ĉie reganta, kaj la kapablo de la LKK-anoj tuj superi la diversajn obstaklojn minacantajn la strukturon aŭ organizadon de la evento.

Gratulojn, LKK! Kaj dankon pro neforgesebla Kongreso!!!

---

*manko de informado. Pleja parto el ili ignoras tion, kio estas Esperanto; multaj kredas ke ĝi estas spiritismaĵo, kaj aliaj ĝin diras mortinta lingvo, aŭ fiaska provo pri "universala" lingvo, k. m. a. Plej ofte, oni konsideras ĝin ne serioza afero, senperspektiva.*

*Alia bedaŭrinda okazintaĵo estas tiu de Fortaleza, kie oni instruis Esperanton en la Federacia Universitato dum 30 jaroj. Kiom da esperantistoj rezultis el tiu tridekjara instruado? Kaj, post tiu periodo, venas alia profesoro, kiu, seniluziita pri nia lingvo, simple forlasis ĝian instruadon kaj sin dediĉis al instruado de aliaj. Ĉu okazis iu protesto de la ĉiame protestemaj studentoj? Se jes, tio estis tiel mallaŭta, ke neniu ĝin aŭdis.*

*Alia ekzemplo: Bieno-lernejo Bona Espero funkcias jam de 47 jaroj. Kie estas la adoltoj elirintaj de tie? Kio estas ilia profesio? Ĉu ili parolas la lingvon? Kiom el ili helpas la movadon aŭ la bienon mem, kiu ilin vartis, nutris kaj edukis?*

*Pripensante ĉion ĉi, mi konkludas ke, anstataŭ strebi por sukcesi tuj enkonduki Esperanton en la lernejojn, preferinde estas utiligi ĉiujn niajn rimedojn je vasta kaj konstanta disvastigado. Tiuj kiuj vere konvinkiĝos lerni la lingvon, povos studi memsole, per libroj, per korespondo, kaj, nuntempe, per interreto. Memoru ke la plejparto de la nunaj eparolantoj estas memlernintoj. Esperanto povas fariĝi la revata internacia helplingvo sen la neceso enkondukiĝi en oficialajn lernejojn. Se estos kompetenta, vasta, konstanta disvastigado, la homoj certe trovos manierojn ĝin lerni.*

*Do, antaŭen kun la disvastigado: montru ni al ĉiuj la avantaĝojn de nia lingvo. Montru ni ĝian taŭgecon, ĝian eblecon fariĝi la plej bona ilo por la homa interkompreniĝo.*

*Komencu per la grandaj urbaj centroj, kiel São Paulo, Rio kaj Brasília. La plej bona propagando farita en Rio Grande do Norte, Acre aŭ Tocantins tuj perdiĝos kiam iu el tiuj lokaj loĝantoj vizitos grandan urbon, kaj tie konstatos ke neniu konas la aferon.*

*En Brazilo tio estas tasko por BEL, tiel kiel en la mondo por UEA.*

*Kiel en la pasintaj numeroj, ni montras nun pli da scenoj de fantastikaj pejzaĝoj, kiuj estas atingeblaj al la gelegantoj. Sufiĉas, ke ili utiligu Pasportan Servon. Ĉar en tiuj paradizoj ĉi tie montritaj ĉiam estas geesperantistoj pretaj ricevi vizitantojn el kiu ajn lando, se nur tiuj sin proponos utiligi la lingvon internacian por komunikiĝi!*

*Ricardo Viana estas ekonomikisto kaj praktikas fotografadon kiel hobion jam de ses jaroj. La kombino turismo + fotografado estigis al li bonan portfolion de fotoj pri Eŭropo, Kanado, Usono, Meksikio, Bolivio, Peruo, Argentino, Ĉilio kaj de nia lando mem. Nuntempe li partoprenas la ekspozicion "Machu Picchu, la Sanktega Urbo", aŭspiciata de la Ambasado de Peruo.*







*Ni ĉiuj estas komencantoj, malkovrante novajn vortojn, esprimojn, sciojn.*
*Sendepende de la aĝo ni foje komencas ion interesan.*
***Do, vivu komencantoj***

# Komencanto

Internacia dumonata revuo por lernemaj, verkemaj, iniciatemaj esperantistoj.
Humuro, aventuroj, freŝaj ideoj, interesaj homoj, praktikaj rezultoj.
Abonu ĉe Brazila Esperanto-Ligo - 10 euroj (12 aere).
Provnumero: komencanto@r66.ru ; p.k. 132, Ekaterinburg, 620041, Rusio


LA GAZETO

ENHAVO

Gilbert kaj Symilde LEDON mortis
Ni memoras kaj ploras

numero 106 — 4a de la 18a jaro — 30apr03

## Mondkultura Sendependa Esperantisma

*Petu provnumeron ĉe*
*La Gazeto, 55210 Creue, Francio*
*lagazeto@osiek.org*
*http://www.lagazeto.com*




## JUNA AMIKO
***http://www.junaamiko.inf.hu***

Se vi lernas aŭ instruas Esperanton JUNA AMIKO estas via plej bona amiko

- Aperas 4 fojojn jare sur 28 paĝoj
- La unua memstara paŝo
  **Teme:** interesa kaj varia
  **Lingve**: facila kaj fidebla
  **Aspekte:** riĉe ilustrita, klare enpaĝigita, bunta kovrilo
  **Movade:** informoplena kaj aktiviga
  **Redakte:** transnacia kaj
  **Interkultura:** kunlaborantoj en ĉiuj kontinentoj
  **Abone**: favora kaj justa laŭ viv-nivelo

Abonu kaj abonigu ĝin!

Abontarifoj por Brazilo: BEL-anoj: R$ 33,00 Ne BEL-anoj: R$ 40,00

# Plu Meven

**Ondumoj tra la mond'**

***13 kantoj el Bretonio, de Rusio al Kanado, de Eŭropo al Kubo trans Afriko. Enŝipiĝu kaj vagu kune!***




***aĉetebla ĉe***
***www.vinilkosmo.com***

***mendebla pere de***
***BEL-Libroservo***
***libroservo@esperanto.org.br***




# Pekina Deklaro

La 89a Universala Kongreso de Esperanto, okazinta en Pekino, Ĉinio, de la 24a ĝis la 31a de julio 2004 kun 2031 partoprenantoj el 51 landoj, traktinte la temon "Lingva egaleco en internaciaj rilatoj", notante, ke la jaro 2004 markas 50 jarojn da oficialaj rilatoj inter UEA kaj Unesko, memorante, ke rezolucioj de Unesko notis la rezultojn atingitajn per Esperanto sur la kampo de internaciaj intelektaj interŝanĝoj kaj por la proksimigo de la popoloj de la mondo kaj rekonis, ke tiuj rezultoj respondas al la celoj kaj idealoj de Unesko, notante la "Raporton pri Homa Evoluigo 2004" de la Evoluiga Programo de Unuiĝintaj Nacioj, kiu asertas, ke la libereco de esprimado kaj la uzado de lingvo estas nedisigeblaj, alte taksante la agadon de la ĉina registaro, kiu, cele al pli justa kaj diverseca aliro al internacia interkompreniĝo, subtenas la instruadon kaj utiligon de Esperanto, konforme al la spirito de la rezolucioj de Unesko, **deklaras** ke demokratia kaj egalrajta komunikado en internaciaj rilatoj estas esenca por internacia interkompreno kaj paca kunlaboro surbaze de egalaj lingvaj rilatoj, ke estas bezonata nova internacia lingva ordo, kiu garantiu egalecon, diversecon kaj demokration en lingvaj aferoj kaj efikan komunikadon inter nacioj kaj aliaj homgrupoj lingve malsamaj, ĉar en la nuna monda lingva situacio, kun kreskanta superrego de iuj lingvoj super aliaj, ne eblas realigi tiujn principojn, ke neŭtrala komuna lingvo estu kerna elemento en tiu ordo, por atingi unuecon en diverseco inter la diversaj lingvoj kaj kulturoj je internacia nivelo, ke sekve la internacia lingvo Esperanto, pruvinte dum pli ol cent jaroj sian utilecon kaj praktikecon, meritas seriozan konsideron fare de internaciaj organizoj, ties membro-ŝtatoj kaj ĉiuj personoj kaj organizaĵoj de bona volo, kiuj respektas kaj deziras pacon kaj pacan kompreniĝon en egaleca etoso en nia hodiaŭa mondo, ke por krei novan internacian lingvan ordon, kiu kontribuos al internacia kompreno kaj mondpaco, necesas forte subteni la enkondukadon de Esperanto en lernejojn, konforme al la spirito de la Unesko-rezolucioj, ĉar tio faciligas lingvolernadon ĝenerale kaj antaŭenigas internaciecan aliron al la mondo. E

# Brazila Kroniko



## Daŭras la Kampanjo "Esperanto en la Bibliotekojn"

*En la kadro de la kampanjo "Esperanto en la bibliotekojn", originale kreita de Kultura Kooperativo de Esperantistoj (Rio de Janeiro) kaj apogita de UEA, estis sendita libro-pakaĵo entenanta 11 librojn en kaj pri E-o al la "Biblioteca Municipal de Avaré" en ŝtato São Paulo.*
*Ekde la komenco de kampanjo, en julio/2001, estis senditaj pli ol 500 libroj al 28 brazilaj kaj 9 alilandaj bibliotekoj, danke al la subteno de deko da brazilaj samideanoj, kiuj volontule oferas mondonacojn al speciala fonduso ĉe KKE.*

Informis: Aloísio Sartorato

## Esperanto por surduloj

*Komenciĝis, en la 8-a de novembro de 2004, en Apada (Asocio de Gepatroj kaj Amikoj de Aŭdaj Handikapuloj), kurso de esperanto gvidata de Edvaldo Júnior.*
*La gelernantoj estas surduloj kaj malsurduloj, sed la intenco estas, ke la plejparto estu surduloj. Ŝajnas, ke unuafoje kurso de esperanto prezentiĝas al la komunumo de aŭdaj handkapuloj.*
*La klasoj okazas ĉiumerkrede je la 2-a horo vespere. Ekde nun la gelernantoj estas instigataj partopreni la venontan Kongreson en Porto Alegre kaj ekkoni la sidejon de BEL kaj de EAB. La telefonnumeroj de Apada estas:*
*(061) 346-8025 / 346-8442*

## Gelernantoj de la kurso de esperanto de Biguaçu (SC) ricevas librojn

*Gestudentoj de la kurso de esperanto organizita de la ĵurnalo Biguaçu em Foco [Biguaçu en fokuso], en kompanio de Biguasua Spiritisma Asocio (Associação Espírita de Biguaçu), ricevis librojn donitajn de Esperanto-Asocio de Santa Catarina, de profesoro Evaldo Pauli, de Marco Antônio Teixeira kaj de Sueli Sousa Sepetiba. La libroj estis donacitaj al la gelernantoj en la 11-a de septembro fare de la eldonisto de la ĵurnalo, Ozias Alves Jr.*
*La kurso de esperanto okazas ĉiusabate, de la 2:30 ĝis la 4:30 vespere, en la lernejo José Brasilício, en la centro de Biguasuo.*
*La libroj skribitaj en esperanto estis donacitaj de Aldrin Rodrigues Speck, prezidanto de Esperanto-Asocio de Santa Catarina, kaj de Prof-ro Evaldo Pauli, veterana esperantisto nuntempe loĝanta en Florianópolis. Marco Antônio Teixeira donacis ekzemplerojn de sia didaktika libro "Esperanto Fundamental" (Fundamenta Esperanto). S-ino Sueli Sousa Sepetiba, el Florianópolis, donacis naŭ ekzemplerojn de la libro "O Sábio e o Idioma" (La Saĝulo kaj la Lingvo), skribita en la portugala de ŝia patro Abelardo Sousa.*




Informis: Ozias Deodato Alves Jr.

## Ni fuŝis!

En la foto-eseo de la numero 326, kie oni legas "Machu Pichu", tie oni legu "Machu Picchu", kun du "c", ĉar tia estas la korekta nomo de la loko.

# Fondo de nova esperanta organizo – Por Sporto

Renato Corsetti

Dum la 89a UK, Pekino okazis faka kunveno por fondo de MONDA ESPERANTA LIGO POR SPORTO (MELS).

La ĉefaj celoj de MELS estas:

1)Disvastigo de Esperanto inter la praktikantoj kaj ŝatantoj de sportoj kaj batalartoj;

2)Popularigo de sportoj kaj batalartoj pere de Esperanto.

En la kunsido partoprenis ĉirkaŭ 40 ŝatantoj kaj praktikantoj de pluraj sportoj kaj batalartoj. La samideanoj kiuj volas aliĝi al MELS povus sendi al retadreso *rita@eses.net* (aŭ *senfine@yahoo.com*) informon pri siaj: nomo; lando; profesio; interesoj pri sportoj kaj batalartoj; retadreso por korespondo.

Membroj povus esti: Esperantistoj kiuj profesie okupiĝas pri sportoj; Esperantistoj kiuj havas sportajn hobiojn; Esperantistoj kiuj ne okupiĝas per sportoj sed havas interesojn pri tiu sfero; Esperantistoj kiuj ne havas rilaton al sporta kampo sed simpatias la celojn de la ligo; Homoj de la sporta kampo kiuj eklernas Esperanton aŭ aliĝas al iu Esperanto organizo.

# Monda Ambasadorino

Aneta Ubik, el Pollando kaj delonge loĝanta en Germanio, akceptis esti la unua ambasadorino de BEJO (Brazila Esperantista Junulara Organizo).

Ambasadoro de BEJO estas posteno ĵus kreita de la nova estraro de Brazila Esperanto-Ligo BEL kaj BEJO. La profilo de la ambasadoroj estas: agemaj kaj movademaj junaj esperantistoj, ne vivantaj en Brazilo, kiuj laboros kiel "pontoj" inter la brazila junularo kaj la junularo de aliaj landoj. Se vi estas nebrazila kaj aktiva junulo kaj volos scii pli, demandu al ni. Ni serĉas ambasadorojn tra la tuta mondo.

Por vi kiu ne konas Aneta-n, ŝi aperis sur la kovrilo de la Revuo Esperanto de Julio-Aŭgusto 2004. Ŝi laboris kiel volontulino en Brazilo, dum ses monatoj, en la bieno-lernejo Bona Espero kaj kaptis multajn brazilajn korojn.

Tio estas plia paŝo cele al plena realigo de la planoj de BEL kaj BEJO por renovigi kaj fortigi la Junan Brazilan Movadon (vidu ankaŭ la adreson *www.ameriko.org/survoje-bel* kaj la ttt-ejon de BEL).

***Bonvenon Aneta!!!***

# Novaĵo en Ĝangalo

La bone konata monda portalo Ĝangalo nun oferas la elekton aŭdi novaĵaron esperante. La noticoj estas ankaŭ verkitaj kaj en e-o kaj en la portugala, por faciligi la studadon de ne nur brazilanoj, sed eĉ alilandanoj.

# Brazilanoj premiitaj

Laŭ la revuo Esperanto, du brazilanoj estis premiitaj en la Belarta Konkurso de UEA/2004: Paulo Sérgio Viana, pro "Orienta rakonto", kiu ricevis la 3-an lokon en la branĉo Poezio (Partoprenis 33 konkursaĵoj de 16 aŭtoroj el 11 landoj) kaj Sonia Sanchez, pro "*La danco de la papilio*", kiu ankaŭ ricevis la 3-an premion, en la branĉo Kanto.

Cetere, la junulo Cassius Genésio Desconsi gajnis la 1-an premion de la Oratora Konkurso de UEA, kun la temo "*Kial lerni Esperanton?*". Partoprenis ĉi tiun konkurson naŭ gejunuloj el diversaj landoj.

# Plej nova akademiano

La revuo Brazila Esperantisto gratulas ege al la plej nova membro de la Akademio de Esperanto: Flávio Rebelo, kiu eble estas ankaŭ la plej juna!



# Sana Menso kaj Esperanto

Isis C. Okabe Piton (Campinas-SP)
Bakalaŭro pri Psikologio - UnG



Melanie Klein, tre grava aŭstra psikanalizistino (1882-1960), en siaj verkoj klarigis kiel funkcias nia menso ekde la naskiĝo. Laŭ ŝiaj observoj, la bebo sentas, ke ĝia patrino estas parto de ĝi mem kaj tie, en la utero, ne ekzistas mankoj, malsato, malvarmo, frustriĝo ktp... Tiel funkcias la pramenso. Post la naskiĝo, la bebo ankoraŭ kredas, ke la patrino estas tia, sed la realo komencas montri al ĝi la veron: la patrino estas homo sendependa, kiu iras kaj revenas, provizas lakton, kareson, foje venas rapide, foje malrapide respondas al la bebaj bezonoj. Montriĝas al la bebo ties fragileco kaj dependeco de la aliaj. La pramenso funkcias laŭ la principo de plezuro kaj malplezuro. Ĝi do ĉion faros por ne vidi la realon.

Komence, kiam la bebo sentas mankon aŭ suferon, ĝi fantazias anstataŭaĵojn por la realo. Ekzemple, se la bebo sentas malsaton kaj ne estas nutrata, ĝi suĉas fingron kaj fantazias, ke tio estas la mamo de la patrino. Tio tamen ne sufiĉas kaj la korpo petas veran nutraĵon, do ĝi ploras kaj lernas, ke foje ĝi devas atendi la patrinon kaj ke ne ĉio estas laŭ ĝia volo. La bebo kreskas kaj lernas alian manieron peti kion ĝi deziras. Kiam oni estas pli aĝa, oni ne akceptas iujn sintenojn. Kiam la menso evoluas, la homo estas kapabla elekti ne nur tion, kio donas plezuron, sed unue tion, kio donas avantaĝon, kio esta utila al la evoluado.

Multaj el niaj malvirtoj estas parto de nia personeco, kiu ne evoluis kaj daŭre agas kiel la pramenso de bebo. Tiel kelkaj homoj agas kvazaŭ nur ties volo valorus, kvazaŭ la aliaj ne gravus. Nur ili pravas kaj ili apenaŭ akceptas la opinion de la aliaj. Estas tre grave por la mensa vivo transpasi la limojn de la narcizismo, interrilatiĝi kun la ĉirkaŭo kaj esti kapabla ami, ĉar frustriĝo signifas la nekapablon ami.

Malfacile ni trovos esperantistojn en tia alta grado de malevoluado de la pramenso. Eĉ se ni trovos kelkajn, tiuj estas individuoj, kiuj nur ŝatas legi kaj ne partoprenas en la movado. Kiam unu el tiuj partoprenas, tiu rapide kabeiĝas ĉar ne eltenas frustriĝojn: la alia ne pensas kiel li/ŝi, la alia foje parolas aferojn kiujn li/ŝi ne akceptas, kredas aferojn kiujn li/ŝi ne kredas, faras aferojn kiujn li/ŝi ne ŝatas. Tiuj narcizismaj homoj observas, ke ĉiuj havas ankaŭ bonajn virtojn, aferojn kiujn plaĉas al ili, sed tio ne sufiĉas. La doloro de la frustriĝo estas pli granda, pli grava ol la bonaj spertoj ĉe la alia kaj do malfacile ili komprenos kaj akceptos la malsimilecojn, tio estas, la alian.

Kiu ne aŭdis tiujn frazojn: "Mi malamas ilin ĉar ili ne estas amikemaj, ili ne komprenas min" aŭ "Mi ne volas, ke vi parolu pri tiu religio aŭ temo ĉar mi ne kredas kaj ne akceptas tion"? Se oni serioze analizas, oni konkludas, ke plurfoje en la unua ekzemplo, tiu homo kiu diras, ke la aliaj ne estas amikemaj, tion faras ĉar la aliaj ne volas fari kion TIU volas. Tiu homo diras, ke la aliaj ne komprenas, sed tiu ne estas kapabla kompreni la aliajn, rigardi la problemojn tra la okuloj de aliaj.

Tiu, kiu ne akceptas aŭdi ion, kio ne estas ties propra vero, malfacile sukcesos evolui, ĉar aŭdi aliajn pensmanierojn kaj pripensi ilin sen antaŭjuĝoj malfermas niajn mensojn al novaj ideoj kaj eblecoj vivi kaj kompreni la vivon. Psikologie oni diras, ke kiam iu vigle rifuzas aŭdi aŭ paroli pri iu temo, tio montras, ke la homo timas, ke ties fundamento de vero, ne tiel solida, disfalu kaj tiu homo restu sen bazo. Tiu homo timas rigardi la realon, kiu konstante diras, ke tiu ne estas posedanto de la vero kaj la aliaj ne estas ties parto. La aliaj estas sendependaj, havas propran volon kaj pensmanieron kaj tiu homo bezonas la aliajn por vivi. Ne sufiĉas "meti la fingron en la buŝon por ĉesigi la malsaton".

Esti esperantisto postulas de la homoj la kapablon aŭdi la aliajn kaj respekti la diversajn vidpunktojn. Alikaze la homoj eĉ parolante la samam ligvon ne

sukcesos interkompreniĝi. Pro tio, ke multaj homoj, kiuj identiĝas kun esperanto kaj ĝia idealo estas kapablaj pensi globe, ĝenerale ili estas homoj kiuj jam partoprenas aliajn grupojn de la t.n. "Tria Sektoro". Ili estas homoj, kiuj faras volontulan laboron por plibonigi la vivon de la aliaj. Ili kredas ke per konversacio, ne per perforto, oni sukcesos plibonigi kaj ŝanĝi la mondon. Tial oni diras, ke Esperanto ne faros el la homoj anĝelojn. Fakte ĝi ne faros ĉition. Ĝi filtras la homojn, kiuj kapablas kunvivi kun la vero: la homoj estas malsimilaj kaj foje egoismaj. Pramensaj, narcizaj homoj ne sukcesos partopreni pace kaj ĝui la movadon.

Foje, iu amikino plendis, ke en aliaj movadoj (religiaj, ekzemple), la homoj ne tiel diskutas kiel en la Esperanto-movado, ke la homoj inter ni ne estas tiel amemaj kaj organizitaj. Esperanto ne estas kiel religio aŭ sekto, kie oni parolas ĉion laŭ unu vidpunkto: tiu de la religio aŭ sekto. Ne estas kontraŭdiroj. Aŭ oni akceptu, aŭ oni elektu alian religion por partopreni. Tie la homoj ne tiel batalas ĉar ĉiuj rigardas laŭ la sama vidpunkto de la religio, ĉiuj havas preskaŭ la saman pensmanieron pri ĉio en la vivo: pri futbalo, manĝaĵoj, amoro, lernado, aliaj religioj kaj aliaj polemikaj temoj. Tie ĉiuj direktas sian forton kaj dediĉon pli facile. Ĉu ne estas pli facile kunvivi kun homoj kiuj estas spegulo de ni mem, kiuj plejparte pensas kiel ni?

Se tio estas bona por havi unuecon kaj eĉ certan harmonion, aliflanke ĝi ne kondukas la homon pripensi kaj sekve evolui. Mi klarigas, ke ĉiu religio parolas pri amo, interkompreno kaj respekto inter la homoj, sed estas for de la religio kie oni bezonas travivi kaj praktiki tion ĉar tie estas la homoj, kiuj ne nepre same pensas kaj oni devas respekti ilin. La evoluado de la menso okazas kiam ĝi eniras la komencon de realo, tio estas: foresto de atendita kontento. La elreviĝo igas la menson forlasi la klopodojn por nur iluzia kontento.

Por travivi en Esperanta medio, same kiel vivi en la reala mondo, kun siaj malsamecoj, konfliktoj, ĝojoj, malĝojoj, kontentoj kaj aliaj travivaĵoj, kiuj alportas al ni diversajn sentojn, la menso bezonis decidi formi konceptojn de la realaj situacioj en la ekstera mondo kaj klopodi por fari realajn ŝanĝojn en ĝi. Akcepti aliajn vidpunktojn, aŭdi kaj reflekti ĉiam, filtri ĉion, kion oni aŭdas kaj ne voli perforte ŝanĝi la sintenon de la aliaj, ŝanĝi tion, kio eblas ŝanĝi, ne narcizisme kredi, ke la homoj agas nur por kontraŭi nin, respekti la aliajn. Tiaj sintenoj nur eblas kiam nia menso evoluas kaj tiam eblas vivi pace kaj harmonie kun la aliaj. **E**

# Nova Estraro de BEJO

Ísis Climany Okabe Piton
BEJO - Prezidanto

La ĉefa laboro de la antaŭaj estraranoj kaj aktivuloj de BEJO estis reordigi la domon. Ni pli zorgis pri burokrataĵoj. Tamen, ni ne tute forgesis zorgi pri la movado, kompreneble. Pli da participado de BEJO en Brazila Esperantisto, plibonigado de "Momenton!", kreado de hejmpaĝo de BEJO, prizorgo de diskutlistoj, aktivaĵoj por BEJK, ĉio ĉi ree allogis la junularon. Estis fruktodona la rezulto. BEJO sukcesis ekvilibri sian financan problemon, la kvanto de membroj de BEJO triobliĝis.

Nia nova estraro havas aldonan mision: labori kune kun nia landa organizo, laŭ decido de asembleo de BEJO-anoj, por plifortigi BEJO-n kaj la brazilan movadon. Pere de la helpo de BEL ni esperas plibonigi niajn servojn al la junularo kaj krei aliajn. Same, espereble pere de nia ideoj kaj de la juna forto, plibonigi la plenkreskulan movadon, en kiu ni estonte partoprenos.

Unu el la ĉefaj ideoj estas revigligi kaj funkciigi la Reton de Reprezentantoj (RR). Pere de RR ni disvastigos BEJO-n tra nia lando. La RR-anoj nepre ricevos materialojn kaj informojn pri BEJO kaj pri Esperanto. Ni esperas krei en la urboj Junularajn Grupojn de Esperanto. Verŝajne estos pli facile havi en



estonteco junajn LKK-anojn por BEJO-aranĝoj en kongresoj... Baldaŭ ĉiuj ricevos informon pri kiel ĝi funkcios. BEJO kaj la aktivuloj kreas fortan bazon por elpaperigi tiun projekton. Ĝi estos tre riĉiga al nia movado.

La estraro kaj aktivuloj pripensas novajn aktivaĵojn por la Kongresoj de BEJO kaj de BEL. Nia deziro estas pliriĉigi la programon de BKE. Ekde nun la junuloj disponigos siajn prelegojn, eventuale laŭ diskutrondoj, kiel programeroj komunaj inter BEJK kaj BKE. Ni havas kelkajn ludojn , kaj pripensas aliajn, por integrigi komencantojn kaj veteranojn. Ni aparte aranĝos specialajn ludojn por komencantoj, por ke ili pli kaj pli ĝuu la lingvon mem.

La estraro de BEJO konscias pri la graveco de niaj Protektantoj kaj Bonfarantoj kaj estas malferma por auskulti iliajn opiniojn.

Ni havas projektojn pli facile plenumeblajn, laborante kune kun BEL, kiel ekzemple, printi nian revuon "Momenton" en pli bona formo. Ankaŭ kune kun BEL estos la kreado de ambasadoroj de BEJO. (reprezentantoj de BEJO tra la mondo).

Nia unua ambasadorino estas Aneta Ubik, el Germanio. La ĉefa tasko de la ambasadoroj de BEJO estas disvastigi nian Organizon en siaj landoj kaj en siaj vojaĝoj. Esperebla rezulto estas havi pli da junaj eksterlandanoj en niaj kongresoj. Tio multe instigos la junularon pli lerni Esperanton, kaj efektive vidi kiel bone ĝi funkcias. Ni invitas ĉiujn junulojn kaj plenkreskulojn partopreni kun ni pere de ideoj, kritikoj, rimedoj kaj aliaj. Plibonigi la mondon estas devo de ni ĉiuj, do ni esperas apogon de ĉiuj membroj de BEJO por la bezonataj ŝanĝoj.

Nova Estraro elektita en Maceió por la periodo 2004 - 2006:
**Prezidanto**: *Ísis Climany Okabe Piton*;
**Ĝenerala Sekretario**: *Rogener Pavinski Barbosa*;
**Kasisto**: *Rodrigo A. Paula de Méo*;
**Fiska Konsilantaro**: *Advalk Paulo Ferreira*; *Aron Akhenaton de Medeiros Alves*; *Ariádene Mara Figueiró*; *Roger de Castro Gotardi*;
**Respondeculo pri hejmpaĝo de BEJO**: *Felipe Queiróz*;
**Reviziisto de "Momenton!"**: *James R. Piton*;
**Volontulo ĉe BEL oficejo**: *Cássius Desconsi.*

# Haaaaaaa!!!

*Fernando Gonsales estas profesia kartunisto, kun diversaj libroj de kartunoj publikigitaj en Brazilo, kaj eldonas ĉiutage bildstriojn en la grava ĵurnalo "Folha de São Paulo". **Ankoraŭ** neesperantisto, li tamen tuj simpatiiĝis kun la ideo kaj amuzos nin ekde nun per siaj bildoj esperantigitaj de Sandra Alencar. Bonvenon, Gonsales!*










## Kriptogramo

Plezure mi prezentas al la loĝantoj de Esperantujo facilan, amuzan, interesan kaj instruan VORTLUDON: Klopodu solvi ĝin jene: Unue, rimarku ke sube kaj dekstre, troviĝas kvadratetoj, kelkaj kun numeroj ene de ili. Aliflanke, sube sed maldekstre, videblas difinoj. Post la korekta solvo de tiuj difinoj, ene de la pli nigraj (reliefaj) kvadratetoj, oni trovos literojn pere de kiuj oni povas formi la nomon de la fondinto de Universala Esperanto Asocio. Numeroj egalaj, literoj ankaŭ egalaj. Por faciligi la solvon, malsupre (piedpaĝe), troveblas numerlitertabelo, kiun oni povas konsulti, sed daŭrigantoj kaj spertuloj ne bezonas konsulti tiun tabelon, mi kredas. Ek! Senprokraste al la cerbumado, kaj pligrandigu vian sciadon pri la lingvo. José Saraiva Matos - Rua Edgard Loureiro Q2 Lote 5-A - Resgate/ Cabula - 41150-070 - Salvador/BA - Brazilo *resgatesaraiva@ig.com.br*

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| **01** | Kontoro de komerca kompanio. | 16 | 10 | 12 | 4 | 6 | | 5 | 6 |
| **02** | Kristaliĝanta laŭ la sama kristalklaso. | 5 | 22 | 6 | 1 | | 20 | 16 | 10 |
| **03** | Trovi la diferencon de la dua nombro per la unua... | 8 | 15 | 19 | | 20 | 10 | 17 | 5 |
| **04** | Plej granda helena historiisto. (460-395) a. K. | 4 | 15 | | 5 | 21 | 5 | 21 | 6 |
| **05** | Virina nomo, i. a. de la amatino de Dante. | 19 | | 10 | 4 | 20 | 5 | 3 | 10 |
| **06** | Virino hebrea. | | 7 | 19 | 20 | 7 | 5 | 13 | 6 |
| **07** | Germana havenurbo. | 17 | 10 | 1 | 19 | 15 | | 2 | 6 |
| **08** | Karakterizas rilate al iu estulo, aŭ estularo. | 5 | 1 | 10 | 13 | | 13 | 4 | 10 |
| **09** | Lasi ne farita, ne atentata, ne zorgita. | 13 | 7 | 2 | | 7 | 12 | 4 | 5 |
| **10** | Tia, ke ĝi kvietigas doloron, aŭ moderigas... | 8 | 7 | | 10 | 4 | 5 | 11 | 10 |
| **11** | Seksa sporo de oomiceto. (PL) | 6 | | 8 | 14 | 6 | 20 | 6 | 9 |
| **12** | Ago de honoranto. | | 6 | 13 | 6 | 20 | 10 | 21 | 6 |
| **13** | Angla diktatoro. (1599-1658) | 12 | 20 | 6 | 1 | 11 | 7 | 18 | |
| **14** | Troviĝanta sub fremda regado, kaj deziranta... | 5 | 20 | 7 | 21 | 7 | 13 | | 10 |
| **15** | Portugala poeto, la aŭ toro de: "La Luzidoj". | 12 | | 1 | 6 | 7 | | 8 | 6 |
| **16** | Vendisto de libroj. | | 5 | 19 | 20 | | 8 | 4 | 6 |
| **17** | Tia, ke oni povas ĝin faldi. | 16 | 10 | 18 | | 7 | 19 | 18 | 10 |
| **18** | Loko kie kunvenas la senatanoj. | 8 | 7 | | 10 | 4 | 7 | 9 | 6 |
| **19** | Tapeto, teksita en ŝtata manufakturo de Parizo. | 2 | | 19 | 7 | 18 | 5 | 13 | 6 |
| **20** | Fari, ke iu, aŭ io estu favorata. | | 10 | 11 | 6 | 20 | 5 | 2 | 5 |
| **21** | Malhumana, monstre kruela. (PL) | 19 | 7 | 8 | 4 | 7 | 2 | | 9 |
| **22** | Franca fizikisto. (1852-1908) | 19 | | 12 | 7 | 20 | | 18 | 6 |
| **23** | Farinto de la mondo, tamen ne ĉiopova. | | 7 | 1 | 5 | | 20 | 2 | 6 |

| 01 | 02 | 03 | 04 | 05 | 06 | 07 | 08 | 09 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | 22 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| M | G | C | T | I | O | E | S | J | A | V | K | N | P | U | F | H | L | B | R | D | Z |

*RIMARKO 1: - (PL) Interparenteze, indikas pluralon.*

*RIMARKO 2: - Tiuj, kiuj sendos al la aŭtoro la enigmon tute korekte solvita, kandidatiĝos ricevi poŝtkarton de Soterópólis, ĉef-urbo fondita je la 29-a de Marto 1549.*

*Teksto kaj Desegnaĵoj de* Luiz T. Silva





# Boulogne2005
## esperanto



**25–30 marto 2005**

**Boulogne-sur-Mer**
**FRANCIO**

*1905–2005*
*Perspektivoj post 100 jaroj de renkontiĝoj*

www.boulogne2005.com







Amikaro SAT




